Esperanto HAMBURG

2/2006
Februaro/Marto

# Komenciĝis laboroj en la Esperanto-Domo



Tiom rapide ni mem ne atendis la komencon de la renovigaj laboroj en la klubejo. Sed nun nia amiko *Andrzej*, kiu jam plurfoje helpis al ni, kiam ni mem ne povis efektivigi ian laboron, venis al ni por fari la necesajn riparojn kaj renovigojn. En la kuirejo malaperis la malbela PVC-kovraĵo kaj nun la planko

estas kovrita per kaheloj. Li ankaŭ jam farbis la murojn kaj la niĉon malantaŭ la radiatoro en la kluba salono. Finfine nun ankaŭ la ŝtuparo inter la du etaĝoj estas bele ekipita per kaheloj, kiuj certe estos pli daŭremaj ol ia tapiŝo.

**Editoraĵoj**
Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg
Tel/Faks: +49 40 250 30 65

Prezidanto: *Jürgen Wulff*

Redaktoro: *Benno Klehr*

Retpoŝto: Esperanto-Hamburg

Redaktofino de Esperanto Hamburg
n-ro 3/2006: 15-03-2006

**Sentenco**

La esenco de la feliĉo

**Karaj legantoj,**
Baldaŭ okazos nia jarĉefkunveno, dum kiu la membroj de la klubo decidas pri la evoluo de la Esperanto-Societo.
Mi ŝatus memorigi niajn membrojn, ke tiu dato estas la plej grava evento de la kluba jaro, kaj ke ĉiu membro ĉeestu.
Nia klubo bezonas aktivan kunlaboron de la membroj, kiuj uzas siajn membrorajtojn.

*Benno Klehr*

---

**Koŝeraj nutraĵoj**
Dum aĉetado mi konstatis kun plezuro, ke la juda vivo reviglîĝas en Hamburgo. Ne nur la Internacia Lingvo laŭ Ludoviko Zamenhof kreas interkompreniĝon, sed ankaŭ la manĝaĵoj. Koŝeraj nutraĵoj estas haveblaj en Hamburgo en la vendejo Ma'ayan (Fonto). Do por viaj gastoj vi povos aĉeti bongustajn koŝerajn

| estas, esti oni mem.<br><br>*Erasmo de Roterdamo* | nutraĵojn - bona sento.<br>Interalie estas haveblaj:<br>Bovid- kaj bovviando, kortbirdoj, israelaj produktoj, fromaĝoj, vinoj, dolĉaĵoj kaj aliaj. Krome Esperanto-flugfolioj. La vendejo troviĝas en Grindelberg 41.<br><br>*Rainer Haupt* |
|---|---|

---

### Nia programo

| Februaro | Marto |
|---|---|
| 2 **Komuna kantado de popolkantoj** *kun Ralph Glomp*<br><br>9 **Jarĉefkunveno de Hamburga Esperanto-Societo Jahreshaupt-versammlung**<br><br>16 *Benno Klehr:* **Lingvaj Ludoj**<br><br>23 *Video:* **Denglish Gefahr für das Deutsche** | 2 *Harema Festo (kun ventrodancado)*<br><br>4 (Sabato 13 h) *Mariko Aoŝima* **Hispana kuirarto**<br><br>9 *Rudi Haberland:* **Sinonimoj en Esp.**<br><br>16 **Niaj novaj Libroj**<br><br>23 **La ega kesteto** *Video 7-lingva*<br><br>30 **18 h: estrarkunsido 20 h: Lingvo-Ludo** |

## Einladung zur Jahreshauptversammlung des Esperanto-Vereins Hamburg e. V. am 9. Februar 2006 um 20.00 Uhr im Esperanto-Haus Hamburg

Tagesordnung in Esperanto Hamburg Nr. 1/2006

## La jarĉefkunveno de Hamburga Esperanto-Societo okazos la 9an de Februaro 2006 je la 20a horo en la Esperanto-Domo

**Invito al daŭriga kurso en 2006**

Ankaŭ ĉi-jare okazos sabata daŭriga kurso en la klubejo. Ĝi ofertas variajn eblecojn plibonigi viajn spertojn en kaj pri Esperanto kaj la eblecon prepari al ekzamenoj. Detalojn dum la unua kurs-renkontiĝo la 18an de Februaro.
Kotizoj: Por HES-anoj senkoste, krom eble necesaj materialoj ktp. (ekz-e ekskursoj, nutraĵo/trinkaĵo dum la ĉe-esto) sed donaco al la klubo bonvenus. Aliaj: 60 EUR kaj eventualaj krompagoj (vidu sube).

**Einladung zum weiterführenden Kurs 2006**

Auch dieses Jahr findet der weiterführende Samstags-Kurs im Klubhaus statt. Er bietet verschiedene Möglichkeiten, Eure Kenntnisse in und über Esperanto zu verbessern und die Möglichkeit, Euch auf ein Examen vorzubereiten. Details dazu während des ersten Treffens am 18. Februar. Kosten: Für HES-Mitglieder kostenfrei, außer für evtl. nötige Materialien usw. (z.B. Ausflüge, Essen/trinken während des Kurses) aber eine Spende für den Klub ist willkommen. Alle anderen: 60 EUR und evtl. zusätzliche Kosten (siehe oben).
Datoj / Termine:
18.02. • 11.03. • 01.04. • 22.04. • 13.04. • 24.06.
(3a de Junio ne estos pro GEK) • ĉiam/immer 13:00 - 17:00 h.
Pliaj informoj aŭ aliĝo ĉe: Peggy Ley

---

**Hispana kuirkurso**

Sabaton, 4.3.06, 13 h.
Kotizo : 10 eŭroj por persono
inkulzive materialoj.
Partoprenantoj: 5 ĝis 10 personoj.
Bonvolu aliĝi en la klubejo aŭ rete ĉe HES.

Elkoran saluton, Mariko

Re al Esperanto en Hamburg